1ª jaro - Nº 3 (Publication mensuelle) Aŭgusto 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L' ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo!*

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Usono.

## UNIKA DOKUMENTO

# La geedziĝo de UFE kaj UEA

**La jubilea paro Hans Jakob — Kreuz**
**post la ceremonio en Kolonjo**



Kliŝo : Photo-Kral, Paris.

Post regluo kaj riparo
Tiu ĉi feliĉa paro
Ĵus retrovis ĝoje-danke
Siajn pramalnovajn amojn,
Sed ĝi perdis aliflanke
Preskaŭ tricent kilogramojn !




# La danĝero de l' sukceso

La preferata sporto de ĉiu Esperantisto estas varbado. Multaj el ni vivas nur por la propagando. Plenŝtopinte siajn poŝojn per flugfolioj ili ekiras kun ĝoja antaŭĝuo, simile kiel la fiŝhokisto same paca. Eble ili elspezas multe da mono, kaptas malmultajn viktimojn, sed ili havis sian plezureton.

Nun minacas grava danĝero: La Ĉe-disĉiploj! — Ili tre similas al tiuj vandaloj, kiuj per kelkaj grenadoj rapide ekstermas ĉiujn fiŝojn de tutaj regionoj, detruante samtempe la dimanĉan amuzon de l' amatoro. — Oni scias, ke Ĉe-kurso komenciĝas ĝenerale kun meznombre nur kvin-cent lernantoj. Ĉe la dua leciono oni kalkulas jam ok-cent kaj preskaŭ ĉiam la kurso finiĝas kun du mil. Kvin tiaj fulmotondrokursoj kaj en urbo de dek mil loĝantoj oni ne plu malkovras unu ne-Esperantiston. Jam ni spertis tiun katastrofan staton en diversaj skandinavaj urbetoj. Tie propaganda societo estas kontraŭsencaĵo. La varbemulo devas elmigri.

Estas tempo krii halt'!! — Niaj kompetentaj aŭtoritatoj zorgu! Ili organizu protektajn zonojn, kie nepelate de Ĉe-ĉasistoj la ne-Esperantistoj povos libere reproduktiĝi. Ili difinu kelkajn monatojn, dum kiuj la amaskaptado estu malpermesata, ĉar alie, por vidi la lastan specimenon de la ne-Esperantista raso ni devos baldaŭ veturi al la plej nigra internaĵo de Centra Afriko. Kaj eĉ, post la konvertiĝo de Kola Ayali, ni garantias pri nenio.

LA DEJORANTA PIRATO.

# La Parizaj Esperantistoj solene festis la unuan datrevenon de la 24-a Universala Kongreso

Tro volonte senskrupulaj pulĉineloj asertas, ke la Parizanoj havas ĉiujn malvirtojn; tial estas agrable al ni diskonigi ĉi tie « en la vastaj kolonoj de nia revuo » *) fakton maloftan en Esperantujo, kiu alportas la nerenverseblan pruvon, ke la Parizanoj ankoraŭ flegas la kulton de l' rememoro kaj kultas la flegon de l' malforgeso.

Lastan jaron, de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto, furiozis tra nia bona urbo la 24-a Universala Kongreso. Ĉi tiun jaron, samepoke, la Parizaj Esperantistoj festis la unuan datrevenon de tiu grandioza okazintaĵo. Sennombraj estis la gesamideanoj, kiuj jam la antaŭtagon pilgrimis al la Parizaj stacidomoj, kie antaŭ unu jaro alvenis niaj amikoj el ĉiuj terpartoj. Pli sennombraj ankoraŭ estis la fervoruloj, kiuj kolektiĝis la sekvantan tagon en la kafejo « Rotonde », apud la tiama kongresejo. Dank' al laŭdinda komplezo de komprenema mastro, la fonografo ree ludis nian himnon seninterrompe. Hazarde ĉeestantaj laikuloj demandis kun esprimo de nekaŝebla timo sur siaj laikaj vizaĝoj: « Tiu ĉi blakbotomo ne estas malplaĉa. Sed kiom da strofoj ĝi havas? »

Oni ankaŭ intencis reludi la teatraĵon « Knock ». Bedaŭrinde la aktoroj ĉi tiun jaron ne estis liberaj. Sed kelkaj sindonemaj samideanoj anstataŭis ilin senprepare. Dum tri horoj ili interŝanĝis nekomprenebl-ajn murmuraĵojn. La efiko estis la sama.

Ankaŭ kelkajn ekskursojn oni imitis. Multaj junuloj revizitis « siajn » benkojn en ĉirkaŭaĵo de Bois de Boulogne. Estis tre nostalgia ceremonio.

---

*) Tiun ĉi esprimon kreis originale nia amiko S. Grenkamp, kies propraĵo ĝi estas. Ĉiuj rajtoj de tradukado, represigado, adaptado kaj filmigo rezervitaj por ĉiuj landoj inkluzive Sovetlando.

Malfeliĉe, kiel ĉiuj medaloj ankaŭ tiu ĉi festo de l' rememoro havis dorsflankon. Kelkaj oratoroj profitis la okazon por daŭrigi paroladojn, kiujn lastjare ili devis interrompi, kiam la kongreso finiĝis. Estis tre emociiga momento, kiam — por haltigi definitive nian amikon Brossier, la konatan kaj timindan pacifiston — alvenis la fajrobrigado kun siaj plej modernaj estingiloj.

Poste S-ro Warnier, Prezidanto de la 24-a, refoje dankis ĉiujn kunlaborantojn, kiuj tiel malavare helpis al sukceso de la Kongreso. Poste S-ro Bastien dankis S-ron Warnier en la nomo de la L. K. K. pro lia nelacigebla agado. Poste S-ro Warnier dankis S-ron Bastien pro la nemeritita j dankoj. Poste S-ro Bastien dankis pro la danko koncerne la dankojn. Poste S-ro Warnier.....

Dum la presado de tiu ĉi numero la dankada duelo ankoraŭ daŭras. Laŭ nia prognozo S-ro Warnier venkos, ĉar ja estis li la... Prezidanko de la 24-a.

CONDORCET.

# EKSPRES-FABLOJ

De unu el niaj freŝe bakitaj abonantoj, kiu subskribas Kornelius Wassertrank (?), ni ricevis la sekvantajn « fablojn ». Nia elita legantaro kredeble gustumos la delikatan salon de tiu ĉi — en nia lingvo preskaŭ nova — ludvortarto. Sed kial la fame konata poeto Kornelius Wassertrank skribas sian prozon en versformo ?

## LA RATO KAJ LA PIROJ

Foje vivis rato,
kiu emege grimpis
la pirarbojn,
kies fruktojn ĝi ŝatis.

*konkludo* :

La Pirrato !

## LA FILO DE NIA PRESISTO KAJ LA TRUMPETO

La knabo blovante tro vigle
en trumpeton,
ĝin eksplodigis ĉe l' unua
eksono.

*konkludo* :

Solsona !

K. WASSERTRANK.

# Interesa Eksperimento

Kio okazas nuntempe en Germanujo? — Ĉu... jes aŭ ne? Unuj diras «jes», aliaj ĵuras «ne».

La elita legantaro, kiu sekvis ĝis nun, malgraŭ la kanibala varmego de l' sezono, la zigzagveladon de nia ŝipo, scias, kun kia fervoro ni serĉas la veron, kun kia sincereco ni defendas ĝin. Tial timante neniun oferon, ni decidis konvinkiĝi per propraj okuloj pri la situacio en Germanujo, vidi, kio apartenas al la realaĵoj, kio al la regno de senbridigita fantazio.

**Grava decido.** — La 15-an de julio 1933, la Parizaj piratoj kunvenis en sia sekreta kaverno kaj decidis sendi observanton al Kolonjo. Sed pro diversaj kaŭzoj neniu emis akcepti la mision propravole. La ŝipestro, kies braveco estas eĉ pli relativa ol la konata libereco, pretekstis kun certa aplombo, ke liaj pipoj ne estas sufiĉe pafpretaj. Nia rave rava, tre talenta kaj tamen tre eleganta kunlaborantino Sala Fumal bedaŭris, ke ŝi ne havas konvenan vojaĝkostumon. Joseph Nels havis neprokrasteblan rendevuon kun F-ino G. P. el N. — Roger Bernard, nia respondeca kapro, ankoraŭ suferis pro freŝdata morbilo. Ĉar tiu malsano postlasas ruĝajn postsignojn, li hezitis. — Pulbuŝel urĝe bezonis apliki laksigan dieton, kaj tio evidente ĝenus lin dumvojaĝe. — Jules Laribois estis tre malfeliĉa, sed la fervojaj kompanioj energie rifuzas transporti lin dum la someraj monatoj. Pro higienaj principoj. Kaj simile ĉiuj aliaj sin ŝirmis sub pretekstoj pli aŭ malpli taŭgaj. Restis nur Solsona, kiu sin deklaris preta entrepreni la aventuron. Sed unuanime ĉiuj opiniis, ke tio estas neebla: Li faras tro malbonan impreson *).

---

*) Li cetere ne estas... impresisto! Nur presisto.

**La sorto decidu!** — Kaj la sorto decidis. Ĝi trafis nian junan kaj simpatian amikon Roger Bernard. Kaj ni devas laŭde substreki, ke li brave kaj kuraĝe akceptis la baton de l' sorto. Malgraŭ subita paliĝo, tutkorpa tremego kaj dento-klakado (certe sendependaj de lia volo), li tenis sin firme sur sia seĝo. Tuj Pulbuŝel venigis glaseton da rumo, dum Solsona kun delikata atento prezentis al li cigaredon.

**Kortuŝaj scenoj.** — Vendredon, 28-an de julio, kun aliaj kongresanoj, nia kuraĝa amiko forlasis Parizon. Multaj amikoj kaj parencoj akompanis la kondamnitojn ĝis la stacidomo. Tie miksita ĥoro kantis rekviemon laŭ vigla takto de marŝ-muziko. Solsona faris tre altnivelan paroladon (ne forgesu, ke pro lia korpa staturo lia buŝtruo troviĝas proksimume du metrojn super la marnivelo!), paroladon interrompitan nur de sufokiĝaj krietoj, singultoj kaj korŝirantaj ĝemoj. Poste li oferdonis en la nomo de l' tuta piratar' al nia amiko Bernard unu oranĝon, per kio li sukcesis haltigi lian larmofluon. Kaj majeste la vagonaro ekruliĝis kvazaŭ konscia pri sia alta misio.

**Alvenas vivosignoj.** — Jam la 30-an de julio ni ricevis poŝtkarton: « Ni transiris la landlimon. Germanujo ankoraŭ ekzistas. La homoj, kiujn mi vidis, ne ŝajnas tro difektitaj. R. B. »

La 31-an de julio: « La kongreso tamen okazas. La biero estas freŝa. »

La 1-an de aŭgusto: « La Rejnlanda vino estas petolulo. »

La 2-an de aŭgusto: Alvenis neniu informo.

La 3-an de aŭgusto la silento kreskis kaj dum la sekvantaj tagoj ĝi atingis timigan dimension. Ni alarmiĝis. Enketleteroj, tuj senditaj ekspresе al ĉiuj germanaj malliberejoj, restis senrespondaj. Sed ni ne perdis tempon. Tuj ni organizis monkolekton por starigi botel-monumenton al nia martiro. Lia nomo restos eterne en niaj koroj. Li estis nobla junulo.

Lia kuraĝo, lia oferemo ne konis limojn. Bela ekzemplo por la estontaj generacioj.

La 15-an de aŭgusto subite alvenis poŝtkarto :

« Mi fartas bonege. La vivo estas bela. Bonvolu sendi mian salajron per adreso de F-ino Gretchen Kuhmilch, Mannheim. Fidele via, R. B. »

☆☆☆

La nobla junulo estas... vulgara pirato. Kaj kio okazas nuntempe en Germanujo ?

SALA FUMAL.

---

# NI BONE AMUZIĜOS

Nia amiko D-ro L. Dreher averte sciigis nin, ke baldaŭ aperos lia « Amuzaro ». Kaj malavare li metis je nia dispono kelkajn specimenojn. Niaj legantoj atentu kaj sin ŝirmu. Ni kalkulos ĝis tri kaj tuj komencos. Ĉu vi estas pretaj ? — Unu, duuuu.... triiii !

**Enigmo I-a** (el aperonta « Amuzaro » de D-ro Dreher). — « Kara fianĉiĝonto ! Kio fariĝos via mano, kiam venos en ĝin ŝi ? » (Maŝino)

Dum la longaj vintraj noktoj tiu ĉi pratipa enigmo sendube instigos vin al similaj ŝercoj. Malgraŭ la nuntempe premeganta varmego ni jam trovis unu, kiun ni cedas senpage al la analizemo de nia elita legantaro :

« Kara fianĉiĝontino ! Kio fariĝos via vazo, kiam venos en ĝin li ? » (Valizo)

**Enigmo 2-a** (el la sama fonto). — « Oxford, Krakow kaj Berlin ! — Trilitere skribu ĝin ! » (Gin)

Ni transportis la problemon sur la zoologian kampon kaj diras :

« Bovo, azeno kaj kamelo ! — Kvarlitere skribu ilin ! » (Ilin)

**Enigmo 3-a** (el la sama fonto). — « Kiu rivero estas kartludema ? » (La Vistulo)

Al kio ni aldonas alian demandon :

« Kiu floro estas kisema ? » (La lekanto)

Kaj nun malfacila tasko, ĉiam laŭ la sama fonto :

Verku samsonaĵon en la speco de « Aŭdu la laŭdon al la alaŭdo laŭ laŭta aplaŭdo ».

Ni honte devas konfesi, ke ni ne sukcesis.

# KONGRESAJ IN-FORMOJ






















de R. Laval




LITERATURA MONDO (Junio). — S-ro Waringhien tre lerte versigis kelkajn Parizajn skizojn kaj fine li resumas, kiel oni vidas Parizon « per la okulvitroj de Schwartz » :

« Odor' de benzino ŝvebas tra Parizo...
La aŭtoj traŝovas polvogrizan fronton ;
Silkece susuras glas' da Seltz-anizo.
Humor' superflugas ĉi Parnasan Monton. »

Ni ne dubas, ke per la okulvitroj de la tiel nomata Schwartz oni povas vidi plej strangajn aferojn, — sed Seltz-anizon ? Ho malbona ŝerco ! Ho sakrilegio ! — Ni timas, ke koncerne aperitivojn S-ro Waringhien estas pli kafulo ol fakulo. Se li perfekte konas la versarton, li certe ne konas la verŝarton. Kun ĉiuj aniz-aperitivoj, sinjoro, uzu ĉiam kaj senescepte nur puran, naturan akvon, alie vi fuŝos.

LA PRAKTIKO (Julio). — ... « Sed ni konsilas al vi neniam apliki apostrofon en la ordinara parolo, ĉar pli grava estas la facila komprenebleco ol la belsoneco. Al versfarantoj ni ne donas tiun konsilon, ĉar ĉe la poezio la komprenebleco ofte ne estas postulata. »

Nun ni komprenas, kial tiom da versaĵoj ni ne komprenas.

ESPERANTO (Julio). — En artikolo « Retrovita Unueco » nia eminenta gvidanto Edmond Privat skribas : « ... Kiam temos, ne pri gajno aŭ malgajno de tiu aŭ alia tendenco, sed pri enkonduko de Esperanto, tiam revekiĝos entuziasmoj, remalfermiĝos borsoj, kaj eĉ reviviĝos mortintoj ! »

S-ro Privat sendube troigas. La fermiĝo aŭ malfermiĝo de borsoj estas absolute sendependa de Esperanto. Plue, kiel ĉiu freŝe galonita borspedelo povus klarigi al S-ro Privat, ĉe la borsoj temas precipe pri gajno kaj (pli ofte) pri malgajno. Kaj kiom pli klara estus la tuta mistero, se S-ro Privat konsentus nomi monujon... monujo. — Koncerne la reviviĝon de l' mortintoj... ĝis revido !

LA PIRATO (Julio). — Sub la titolo « Agrabla Surprizo » :
« ... Kaj cetere ni decidis provizore ne plu okopiĝi pri la temo. »

Estas vere, ke por elĉerpi la temon (pri Scherer), eĉ okope ni ne estus tro ! — Sed Solsona tamen porpune pagos aperitivon.

# Niaj enketoj

Dum la franca Esperantista kongreso, okazinta antaŭ nelonge en Orléans, la serena ĉielo subite nigriĝis, kiam S-ro Guadet, ĝistiama prezidanto de la komisiono pri instruado, tre serioze grimpis sur la podion kaj ekparolis sammaniere:

« Ceci est en quelque sorte mon testament. » *)

Ĉar la eminenta gramatikisto konstatis, ke la estraro de la Franca Esperanto-Societo aprobas kaj subtenas la Ĉe-kursojn, kaj ĉar aliflanke li mem konscias, ke la Ĉe-metodo estas nur agrabla farso sen ia scienca bazo, li sentis la bezonon kaj devon demeti sian prezidantan funkcion.

Memkompreneble la kongresanoj ĝentile kaj laŭcirkonstance insistis, por ke S-ro Guadet reprenu sian decidon. Ili faris tion des pli volonte, ke la ĝisnuna prezidado de S-ro Guadet neniam estis katastrofa en la plena senco de l' vorto. Sed vane.

Nu, ni deziris havi kelkajn detalojn pri tiu ĉi tre amuza skandalo kaj ni delegis specialan senditon (la plej kuraĝan) por intervjui la eksprezidanton. Ni lasu nun la parolon al nia kunlaboranto.

## Inter la ungoj de l' leono

Enirante la ĉambron, kie S-ro Eksprezidanto laboris cerbe, aŭ eble nur cerbere, mi tuj komencis la enketon:

« Ĉu mi havas la honoron paroli al S-ro Guadet? »

— Kiam mi estis ripetinta tiun ĉi demandon triafoje, venis respondo:

« Eh, eh, de l'Esperanto, sans doute? **) — Enfin, voyons, ni vidu. *Ĉu,* — *ĉu* estas konjunkcio demanda, bone. — *Mi:* pronomo, unua persono de l' singularo, samtempe subjekto de la propozicio kaj tial staras en la nominativo, bone. — *Ĉu mi havas... havas:* verbo, estanteca, indikativa formo, — rilatas al la

*) Tio ĉi estas ĝis certa grado mia testamento.

**) « Jen, jen, Esperanto, verŝajne? » — En la sekvo S-ro Guadet verdire parolis nur france, sed tre flue. Pro la internacia karaktero de nia revuo ni citas ĉion en Esperanto. Niaj legantoj pardonu.

pronomo *mi*, do ankaŭ unua persono de l' singularo. Bedaŭrinde Esperanto havas nur unu konjugacion. Domaĝe. Bone. — *La:* difina artikolo, senfleksia, bone. — *Honoron:* substantivo, rekta komplemento, tial akuzativo. Bone. — *Paroli:* infinitivo. Ni konas du ĉefajn specojn de infinitivoj. *Infinitivus subiectivus* kun la klasika ekzemplo « Dulce et decorum est pro patria mori », kaj *Infinitivus obiectivus:* « Omnes homines beati esse copiunt. » Pri la tre interesa *Accusativus cum Infinitivo* ni parolos dum la proksima leciono. Nun ni ekzercadu iom la praktikan lingvon, ĉar kelkaj personoj pretendas, ke Esperanto taŭgas ankaŭ por la ĉiutaga uzo. Bonvolu do traduki la sekvantan ekzemplon :

Al li respondis minace Aĥilo piedorapida :
« Ve al mi ! Senigita de honto, vi, profitamulo,
Kiu, Aĥajo, de nun viajn vortojn obei ekvolos
Kun vi irante aŭ kontraŭ viroj batalon farante ?... »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sur la piedpintoj, senbrue, nerimarkite, mi sukcesis min savi. Pli libere mi spiris, kiam ekstere, meze de ridetanta naturo, mi vidis homojn vivantajn, kiuj trinkis bieron kaj manĝis kolbasetojn kun multe da mustardo.

Sed kelkajn tagojn poste mi refoje renkontis S-ron Guadet. Ĉar estis tute neeble eviti lin, mi iris rekte al li kaj petis pardonon pro mia subita malapero. « Voyons, cher ami », li respondis, « ne senkulpiĝu. Estis ja tute nature. De kiam mi faras kursojn, mi havas la kutimon... »

Kaj tiu ĉi konstato estu konkludo.

JULES LARIBOIS.

*Tro ofte en nia movado nia ago estas... agonia.*

*Kaj nun, se iu parolas al vi pri UFE, —*
*respondu BLUFE !*

*Estus mallerte skribi al via pure ariana korespondanto*
*« Kara Semideano ! »*




La maja numero de *Oomoto Internacia* publikigis poemon, kiun S-ino Aloisia Ŝtihel-ova verkis je la gloro de S-ro Deguĉi, papo de l' Oomoto-religio.

La versoj ne estas malbonaj, kiel vi povas juĝi mem:

HO! MAJSTRO O. DEGUĈI!

Al Li ja fidas mi kun ĝojo,
Li zorgas pri la hom-afer',
Li ankaŭ min sur mia vojo
Bonvole gardos de danĝer'.

S-ino Aloisia Ŝtihel-ova,
Frydek, Ĉeĥoslovakujo.

Ho! Sinjorino Aloisia Ŝtihel-ova, ni pensas, ke verkante tiun ĉi poemon vi nenion rompis al vi. Tamen tio pruvas, ke vi tre bone konas nian fundamentan literaturon. Efektive, sur paĝo 332 de nia Fund. Krestomatio la tria strofo de

LA GAJA MIGRANTO

tekstas:

Al Dio fidas mi kun ĝojo:
Li zorgas pri la tuta ter',
Li ankaŭ min sur mia vojo
Eterne gardos de danĝer'.

L. Zamenhof.

Kaj ni kompleze atentigas vin, ho! Sinjorino, ke vi trovos en la Fund. Krestomatio ankoraŭ multajn okazojn por amuzaj parodioj. Ekzemple en «La Poeto» de E. Smetánka (p. 387) sufiĉos ŝanĝi nur unu vorton kaj vi havos:

Benita, kiun Dia mano
Profeton eksanktigas!
Li volon Dian, homan koron
Profunde komprenigas.

Senŝanĝe vi povos kopii:

«Tra densa mallumo briletas la celo...»

kaj poste ni ĉiuj kantos kune, anstataŭ «La Espero», la novan kantikon «Ho! Oomoto!»

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko,
Per flugiloj de facila vento
Disvastiĝas dolĉa... Oomoko!

---

## Komentario de Komentario

En nia junia numero, sub tiu ĉi rubriko, ni represis ĉarman versaĵon «Telefonoj» de V. Nezval, koncerne kiun ni ne kaŝis nian admiron. La tradukinto, D-ro Stan. Kamaryt, kompatis nian hermetikan nekomprenon kaj sendis al ni kelkajn klarigajn detalojn per letero versigita! Pro manko de loko kaj pro la nuna varmego ni bedaŭrinde ne povas publikigi tiun leteron tute sed nur popece:

«Permesu al mi diri pri poetisma Nezval,
ke li malsimilas cetacan beston narval',
sed apartenas al la skolo poetisma,
kies lingvaĵon multaj trovas skisma.»

Tio ja ankaŭ estis nia opinio. Plue D-ro Stan. Kamaryt diras al ni, kio instigis lin al versfarado:

«Eldonisto de Mondo Literatura
vizitis nin, kaj per sia voĉo susura
parolis al mi minuton amuze,
poste vendis du librojn tre ruze.
Unu estis pri la arto «ami malfuŝe»,
dua pri la arto «versojn fari kortuŝe».
Nu, se mi monperdon volis eviti,
mi devis almenaŭ el unu profiti.
Ŝparulo ne povis uzi la receptojn pri amo,
sed por versfarado sufiĉas ja mano.
Vi vidas: Kulpas Bleier. Tial pardonita estu Kamaryt,
sub la L.-M.-eldonisto eksplodu dinamit'!»

Ankaŭ tio estas nia amika opinio. — Kaj la letero finiĝas per minaco:

« Kaj pardonu afable,
Ke por mi taŭgas diable
fini per rimo adasista, —
rezultu heksametro eĉ botista: —
Ve, ho, ve, de la ŝipo pirata estro ŝatata,
nova de mi traduko el Nezval estas presata! »

STAN. KAMARYT.

# Reĝustigo de tendenca informo

Antaŭ kelkaj tagoj la franca gazetaro konigis al naiva publiko la sekvantan okazintaĵon:

« Tri francaj junuloj, kiuj moviĝis bicikle tra Germanujo, estis arestataj de la germana polico en la ĉirkaŭaĵo de Hamburg. Demandate pri la celo de sia vojaĝo, la junuloj respondis, ke ili iras al la Esperantista kongreso en Stockholm. La polico enkarcerigis ilin. »

Kiel ĉiuj gazetraportoj ĝenerale, ankaŭ tiu ĉi informo estas tro tendence partia, tiel, ke la nescianta publiko ricevas malbonan impreson pri la gastameco de Germanujo. Necesas klarigi la fakton. Kiam la tri junuloj deklaris, ke ili iras al la Esperantista kongreso en Stockholm, la germanaj policistoj ĝentile rimarkigis, ke la Esperantista kongreso okazas nunjare en Kolonjo kaj komplezeme montris la vojon al la erarintoj. Sed la tri junuloj obstiniĝis pri Stockholm. Tiam la policistoj ne senkaŭze konkludis, ke temas pri tri malfeliĉaj frenezuloj, kiujn porprotekte ili izolis.

Tiele prezentita la okazintaĵo ne nur konformiĝas al la vero sed eĉ montras la homaman iniciaton de la germana polico.

Lastmomente oni diras al ni, ke fakte okazis Esperantista kongreso ankaŭ en Stockholm, nome la kongreso de SAT. Se tiel estas, la tri francaj junuloj sendube apartenas al SAT, — kaj tamen ili veturis tra Germanujo! Sekve la konkludo de la germana polico estis ĝusta.




**Metamorfozo.** — Anni Ondra, konata filmstelo kaj preskaŭ-Esperantistino, ĵus edziniĝis kun Max Schmeling, germana boksĉampiono. Post kelka ekzercado ŝi estos Anni... Tondra.

**Perdita - retrovita.** — Alia filmstelo, Pola Negri, samlandanino de niaj polaj amikoj, siaflanke edziniĝis kun Usonano. Per tio la poloj perdas ŝin. Sed intertempe niaj amikoj malkovris nian negro - samideanon Kola Ayali. Li, verdire, ne estas Pola Negri, sed preskaŭ Pola Negro.

**Inter diplomatoj.** — Komence de julio oni inaŭguris en Pariza ĉirkaŭurbo Zamenhof-straton. La ceremonion ĉeestis multaj Esperantistoj kaj eĉ oficiala reprezentanto de la pola ambasadoro en Parizo. Bone. Sed nia nelacigebla amiko Ferrari, lerta ambasadoro de Esperantujo, bedaŭrinde tuj konstatis, ke lia pola kolego ne konas unu Esperantan vorton. Tiam senkompate, kiel alia Napoleono, li dekretis : « Estas skandalo, sinjoro, ke en via ambasadorejo troviĝas eĉ ne unu Esperantisto ! » — Post tiu ĉi afabla martelfrapo la pola reprezentanto komprenis kaj aĉetis tuj... reveturbileton.

**Traduttore, traditore.** — I. Lejzerowicz, kiu tradukis la belan libron « La Sorĉistino de Kastilio », esperantigis ankaŭ la nomon de Venus, roma diino de l'amo, kiun li alvokas tiamaniere: « Ho, Venera, bela diino... » — Ŝajnas al ni, ke nia amiko Lejzerowicz iom cinike miksas la mitologion kun la medicino.

**Laŭda atesto.** — Ĉiuj scias, — kaj se vi ne scias, eksciu, — ke S-ro Rollet de l'Isle estas la nova prezidanto de la Esperantista Akademio. Kiel S-ro de Lajarte tre ĝuste atentigis, « Francujo per tio refoje gajnis la pokalon. » — S-ro Rollet de l'Isle estas stranga Esperantisto; li faras pli da laboro ol da bruo. Sed pri li oni rajtas havi tre altajn esperojn : Li estas malnova abonanto de « La Pirato. »

**Planoj.** — Pro diversaj kaŭzoj la nova prezidanto de la Akademio ne povis iri al Kolonjo. Li delegis S-ron Célestin Rousseau

por prezenti dum la kongreso laborplanon al la Lingva Komitato. La antaŭnomo de S-ro Rousseau tradukiĝas Esperanten per « Ĉiela ». Ne mirige do, ke li uzis aeroplanon por veturi al Kolonjo. Bone, bone, sed oni atentu, ke la prezentita laborplano ne fariĝu siaflanke ankaŭ aero-plano !

**La bela afiŝo.** — Oni multe rimarkis, super la ĉefa enirpordo al la kongresejo, tiun ĉi afiŝon : « Gesamideanoj ! Inter homoj estu homoj ! Ne parolu nazilingve ! »

**Por ĉiuj gustoj.** — Ĉiuj nacioj partoprenantaj en Kolonjo retrovis sian nacian flagon en la kongresejo. Kaj honorloke, super la podio, leviĝis tri flagoj. La germana, la hitlera, kaj inter ambaŭ la Esperanta. Ĉu konkludi, ke malgraŭ ĉiuj ŝanĝoj la ĝusta vojo estas ĉiam en la mezo ?

**Oni aplaŭdas.** — Kiam la urbestro de Kolonjo deklaris, ke la hitler-movado estas necesa por kontraŭbatali la bolŝevismon, la kongresanoj aplaŭdis.

Kiam la ĉina delegito, simpatia monaĥo, diris ankaŭ kelkajn vortojn en ĉina lingvo, la kongresanoj aplaŭdis. — Kaj tio ĉi kompensas tion, ĉu ne ?



## Lastminuta informo

El la ĉ. 730 gesamideanoj, kiuj efektive partoprenis la kongreson, ĝis nun neniu malaperis. Almenaŭ neniu plendo aŭdiĝis tiurilate.

---

**Pro manko de loko ni povos malplenigi nian Poŝtosakon nur proksiman fojon.**

*Kelkfoje vi deziras scii, ĉu viaj korespondantoj estas inteligentaj. Estus sentakte starigi rektan demandon. Agu diplomate kaj informiĝu, kvazaŭ tute hazarde : « Ĉu vi estas abonanto de La Pirato ? »*

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# MODELO DE ABONILO

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi .................... fr. fr. *) (aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ..............................*

*Familia nomo : **) ..............................*

*Antaŭnomo : ..............................*

*Urbo (aŭ vilaĝo) ..............................*

*Strato kaj n-ro ..............................*

*(se necese) Provinco ..............................*
*Distrikto, ktp.*

*Lando : ..............................*

**... Kaj sendu al ni la adresojn de piratemaj amikoj !**
**DANKON !**

---

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble !